# Kontakto

Senlime pajace

Limdato: 2015

365 tagoj da rubo

Demandi oni neniam rajtis, oni devis fari

numero 230 (2009:2) ISSN 0023-3692

## ENHAVO



**Kiel sendi kontribuojn al Kontakto?**

- ✓ Sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan.
- ✓ Se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi.
- ✓ Kontakto ne estas movada revuo, do ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!
- ✓ Indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo.
- ✓ Fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✓ Dikajn kovertojn prefere sendu registritaj.
- ✓ Rete bonvolu sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv uzi x-kodon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✓ Ilustraĵoj kaj adresoj en la interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj!

**Koran antaŭdankon!**

**Karaj legantoj,**

"Socikultura revuo per Esperanto sed ne pri Esperanto". Jen ideo, kiu ĉiam ŝajnis al mi ege alloga. Kontakto havas bonegan principon kaj altan kvaliton. Tial mi ĝojis, kiam mi ricevis la peton kontribui al ĝia antaŭenigo per redaktado de unu numero, tiu ĉi.

Ĝi estas iom eksperimenta en la senco, ke ĝi ne havas temon. Vi do trovos iom diversajn artikolojn, kaj mi esperas, ke tio igos ĝin pli interesa al vi. Mi vere rekomendas la artikolon de Nikolai Sexauer pri Els Schalker, ano de la rezistado kontraŭ la nazia okupacio de Nederlando. Por ekologiistoj estas ankaŭ interesa raporto pri entuziasma sammovadano. Sed ne nur tion vi trovos en tiu ĉi Kontakto, sed ankaŭ multajn pliajn diverstemajn artikolojn.

Simple esploru kaj legu la numeron laŭplaĉe kaj kunhavigu viajn kritikojn, laŭdojn kaj kontribuojn al ni. Ni jam ekĝojas pri viaj komentoj!

***Plej amike, Federico (Gastredaktisto de Kontakto)***

**Temoj de la venontaj numeroj de Kontakto**

**Numero 231 (2009:4).** *La ĉef-temo: "Televido". Kion kaj kial ni spektas televide? Ĉu en via lando ekzistas iuj specifaj televidaj programoj aŭ televidaj moderigantoj? Rakontu pri viaj televidaj kutimoj kaj preferoj!* ***La limdato – la 1-a de aŭgusto.***

**Numero 232 (2009:5).** *La ĉef-temo: "Idoloj". Ĉu estas bone aŭ malbone havi idolojn? Ĉu idoloj nur montras sekvindan ekzemplon aŭ ankaŭ danĝere influas nian personan elekton? Ĉu vi povas rakonti pri la homoj, kiuj laŭ via opinio grave influis vian vivon aŭ la vivon de via lando?*

**Kiel ĉiam, ajnatemaj kontribuoj estas bonvenaj kaj ege bezonataj!**


**KONTAKTO**: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). Fondita en 1963. **N-ro 230** (2009:2), 44-a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/node/7>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** Kontakto, ul. Rabochaja 24, kv. 29, Jalto, Krimeo, UA-98612, Ukrainio; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro:** Federico Faccio Peláez (Hispanio) **Tipografiisto:** Lucas Vignoli Reis (kun helpo de skipo de Preface Design, <http://www.preface.com.br>). **Korektisto:** Aleksandro Galkin (Rusio/Germanio). **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Daniel Richard Bebelacqua Acosta (Urugvajo), Daniele Binaghi (Italio), Olivier Gaudefroy (Francio), Etsuo Miyoshi (Japanio), Olubunmi Osho-Davies (Niĝerio), Maksim Petrov (Kazaĥio), Saliko (Finnlando), Aneta Ubik (Germanio), Jefim Zajdman (Ukrainio). **Facilingvaj Artikoloj** estas verkitaj en la niveloj *tre facila* kaj *facila*, laŭ la vortolisto de Kontakto. Tiu listo aperas en la unua numero ĉiujare. **Anonctarifo:** tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30%. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn kontraŭ dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. **Kontakto en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz): Radio Havano (Kubo) Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio / 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22:00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15-a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). ***La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.***

# Senlime pajace





"Oni priŝtelis nin", pravigas sin Mireia, ĉar ŝi ne respondis al mia unua mesaĝo, "oni prenis la komputilojn, la servilon, ĉiujn sekurkopiojn". Tio tute ne gravas, mi trankviligas ŝin, mi ja bedaŭras, ke tio okazis. Ŝi okupiĝas pri komunikado kun eksteruloj por Pajacoj sen Limoj, ne-profita organizo, kiu kunigas artistojn de la scenaj artoj por pligajigi la vivon de la miloj da infanoj trafitaj de militoj, naturaj katastrofoj, delokadoj ktp. La organizo fondiĝis en 1993 en Barcelono kaj ekde tiam ĝi aktivas en la tuta mondo.

"Ni faras ekspediciojn de artistoj ligitaj al la pajaca cirkarto en regionoj konfliktaj aŭ de rifuĝintoj", ŝi resumas. Ili kunlaboras kun du agentejoj de Unuiĝintaj Nacioj por rifuĝintoj, sed ankaŭ memstare serĉas eblajn lokojn por siaj prezentadoj. "Ni organizas tute diversajn spektaklojn. Plej kutimaj estas malgrandaj trupoj, kiuj kombinas akrobatikon ĉiam kun komiko. Tiel kunestas kaj vida parto kaj ankaŭ la universala lingvo de pajacoj: homeco, absurdo, senvorta lingvo". Ili kunigas trapezon, ĵonglajn




Pajacoj Sen Limoj en Gazo-strio





ludojn, unuciklojn... enestas nenio, kio postulas grandajn konstruojn aŭ scenejojn. Oni ja povu iri al kiu ajn loko en la mondo, sendepende de la kondiĉoj. "La artistoj portas krom la valizon kun la vestaĵoj, nur unu plian", ŝi klarigas.

Ĉiuj pajacoj estas profesiuloj, kiuj kunlaboras volontule. "La ekspedicioj daŭras 20 tagojn; la artistoj do donacas al ni 20 tagojn de sia kalendaro". Dum tiu periodo, la ekspedicio prezentiĝas en loko, kie ĝi estas bezonata, kiel Angolo, Demokratia Respubliko Kongo (DRK), Irako, Palestino aŭ Sirio. Antaŭ nelonge ili ankaŭ iris al Peruo post la tertremo, kiu skuis lando-parton tie. Krom la vizitojn al la kutimaj lokoj, ili ĉiujare organizas novan ekspedicion al nova lando. Ĉi-jare la novaĵo estis Goma, en Kongo Kinŝasa, kien iris 4 artistoj en aprilo.

"Ni kutime sukcesas havi multajn profitantojn ene de malmultaj tagoj. Dum la 20 tagoj, kiujn ni pasigis en Kongo Kinŝasa ni ludis por 15.000 homoj" rakontas Mireia, kaj aŭdeblas per la telefono ŝia kontenta rideto.











Foto sub la permesilo "Creative Commons"
*prenita el http://www.flickr.com/people/eyesontheroad*

"Kaj la reago estas absolute pozitiva: ili fasciniĝas. Multaj el ili ne vidis pajacon en sia tuta vivo, multaj malofte ridas pro la traŭmatoj post la milito. Estas malfacile pritaksi la rezultojn, ĉar temas ne pri nombroj sed pri emocioj.

Ili subvencias sian agadon per publikaj fontoj kaj donacoj. Ankaŭ membroj kontribuas. De la lokuloj de siaj spektakloj ili petas nenion krom sekurecon kaj iomete da kunlaboro por la organizado. Baza son-sistemo, aro da spektemaj infanoj kaj jen venas la pajacoj.

*Ĉiuj fotoj estas komplezo de Payasos Sin Fronteras, escepte de tiuj kie troviĝas alia rimarko.*

## RETE

**www.clowns.org** *Hispana retpaĝaro de Pajacoj sen Limoj (hispane, katalune, angle).*
**clownswithoutborders.org** *Usona retpaĝaro de Pajacoj sen Limoj (angle, enhavas multajn ligilojn al retpaĝaroj de alinaciaj Pajacoj sen Limoj).*

ARTIKOLO

# Vi havas belan akĉenton, el kiu lando vi venas?

Al ĉiuj okazis tio, ke oni iam aŭdis homon parolantan, kaj tuj eksciis el kiu mondo-parto tiu venas. Akĉentoj ofte malkaŝas la devenon de la parolanto sed, kio okazas se tiu akĉento estas nefidinda?

Ekzistas rara sindromo kiu, kutime post serioza cerba lezo, povas ŝanĝi la akĉenton de homo tiel, ke tiu eksonas kiel fremdulo en sia propra lingvo aŭ dialekto. Tiel do itala virino povas ekparoli kvazaŭ ŝi estus usonano, kiu lernis la italan, kaj la plej miriga afero estas tio, ke oni ne scias kial tio estas. La pacientoj, kiuj suferas tiun ĉi sindromon, neniam estis en la loko al kiu rilatas la akĉento, kiun ili subite akiris. Ili do konfuzite ekserĉas respondojn ĉe kuracistoj, kiuj ne ĉiam havas kontentigan klarigon.

Esploristoj el la Universitato de Oksfordo rilatigis tiujn nekutimajn sonojn, kiuj kunformas la novan akĉenton, al la cerba lezo, kiu ofte akompanas la sindromon. Laŭ tiu teorio, damaĝo en la cerbo-partoj kiuj kontrolas la lingvo-funkcion, povus estigi misprononcitajn silabojn aŭ ŝanĝitajn tonojn.

Tamen, laŭ aliaj sciencistoj, la lingvo-centroj de la cerbo entute ne havas rolon en ĉi tiu sindromo, sed ĝi okazas pro tio, ke la paciento perdis la movan lertecon por produkti kelkajn sonojn laŭ la kutima artikulacio. Se unu el la sonoj, kiujn ili ne plu povas elparoli, estas karakterizaj de iu akĉento, la homo tiam povus nekonscie preni pliajn trajtojn de ĝi por doni naturecon kaj fluecon al la parolado.

Ekde 1941 estis sesdeko da registritaj kazoj de la tiel nomata sindromo de la fremda akĉento, el kiuj kelkaj signifis eĉ problemojn por la paciento. Akĉento estas parto de la homa identeco kaj tiel ĝi ankaŭ donas senton de aparteneco al specifa grupo. Se tiu homgrupo estas siavice malbone akceptata en alia socio, tiam estiĝas problemoj. Tiel okazis ekzemple al Astrid L., virino el Norvegio, kiu estis trafita de ŝrapnela eksplodo. Teorie resaniĝinte, ŝi konstatis, ke ŝi havas germanan akĉenton, kio provokis ĝeneralan malakcepton inter ŝiaj samlandanoj.

Kelkaj pacientoj sukcesis rehavigi al si sian originalan akĉenton, kaj tio estus eksplikebla laŭ la teorio, ke la kaŭzo estas cerba lezo: la cerbo povas ripari la damaĝitajn partojn per aldona sango-fluo al la koncernaj neŭronaj regionoj. Tamen, rilate kuracadon, estas ĝis nun tre malmultaj sukcesoj science kontrolitaj.

# Panjo Mary Ann Cotton

## Anglogallego, Bulgario

Mary Ann Cotton naskiĝis en la nordorienta Anglio en 1832. Ŝi havis tre **malfeliĉan** infanaĝon: ŝiaj gepatroj, ambaŭ malpli aĝaj ol 20 je la geedziĝo, laboris tre multe por antaŭenigi la familion kontentige. Kiam Mary Ann estis 8-jara, ŝia patro mortis en la minejo, kie li laboris, kaj ŝia patrino devis reedziniĝi por eviti, ke la gefiloj estu devigataj eklabori. Baldaŭ Mary Ann tediĝis je sia duonpatro kaj ties firma disciplino kaj decidis forlasi la hejmon. En la aĝo de 20 ŝi edziniĝis al iu William Mowbray.

La paro transloĝiĝis al Devon, en la sudon de la lando. Ili ekhavis 5 infanojn, el kiuj 4 **mortis** tre junaj pro "gastraj malsanoj". Baldaŭ poste ili denove transloĝiĝis reen en la nordon de Anglio, kie ili ekhavis 4 infanojn, kiuj ankaŭ mortis pro la sama malsano. En 1865 William malsaniĝis kaj mortis pro intesta malsano. Mary Ann ricevis de la asekuro, kiun ili havis, la ekvivalenton de la duono de la jara salajro de sia edzo.

Baldaŭ poste ŝi konatiĝis kun Joseph Natrass, kiu tamen estis fianĉiĝinta al alia virino. Sekve Mary Ann eklaboris por ili dum ioma tempo. Dum tiu periodo ŝia 3-jara filino mortis, do al ŝi restis nur unu el la naŭ infanoj, kiujn ŝi naskis. Sian lastan filinon, Isabella, ŝi sendis loĝi kun la avino, la patrino de Mary Ann. Dume, ŝi edziniĝis al George Ward, kiu mortis malpli ol jaron post la geedziĝo pro intesta malsano. Mary Ann ankaŭ ricevis vidvino-pension.

James Robinson estis vidvo kun pluraj infanoj, por kiu Mary Ann laboris kiel ĉambristino. Kiam unu el liaj gefiloj mortis pro "gastra febro" la afliktita viro, por konsolo, decidis edziĝi al Mary Ann. Ĝuste tiam la patrino de Mary Ann malsaniĝis kaj la filino iris por prizorgi ŝin, kaj kvankam la san-stato de la 54-a jara sinjorino komencis pliboniĝi, ŝi mortis pro stomaka malbonfarto nur 9 tagojn post la alveno de Mary Ann. Tiu ĉi revenis al la hejmo de Robinson kun sia filino de la unua edziniĝo. La knabino, kune kun la du filoj de Robinson, mortis pro gastraj malsanoj ene de du semajnoj. Baldaŭ Robinson eksentis sin malkomforte pro la premado de lia edzino ŝanĝi la testamenton kaj polison, kaj kiam li malkovris, ke ŝi havas abundajn ŝuldojn, li forigis ŝin el la hejmo, kvankam la geedziĝo **ne estis nuligita**. Mary Ann estis despera, sen familio kaj hejmo, kaj amikino ŝia, Margaret Cotton, prezentis ŝin al sia frato, Frederick Cotton, kiu estis tiam ĵus perdinta du el siaj 4 gefiloj. Margaret estis jam kiel dua patrino por siaj orfaj genevoj, sed en 1870 ŝi mortis pro gastra malsano. Baldaŭ poste Mary Ann gravediĝis de Frederick Cotton kaj ili geedziĝis (fakte bigamie, ĉar la geedziĝo kun Robinson daŭre estis valida). En 1871 ili ekhavis filon, Robert, kaj en decembro tiujare Cotton mortis, denove pro intesta malsano.

Mary Ann tiam revidis Jonathan Natrass, sian antaŭan ĉefon, kaj ili iĝis **geamantoj**. Dume ŝi havis sekretan idilion kun handikapulo John Quick-Manning, kiu tiam resaniĝis post variolo. En tiu tempo mortis la du restantaj filoj de la unua edziĝo de Frederick Cotton. Natrass mortis pro la sama malsano baldaŭ poste.

Mary Ann estis arestita, kiam funkciulo de la paroĥo konstatis, ke la fortikaj filoj de Frederick Cotton mortis sub la prizorgo de sia duon-patrino, tiam graveda je sia 12-a filo. Naskinte en la malliberejo, Mary Ann estis juĝita, kaj montriĝis, ke ŝi mortigis ĉirkaŭ 20 homojn per arseniko, kiu tiutempe estis facile akirebla en apotekoj.

Mary Ann Cotton estis pendumita en 1873 je la aĝo de 40. Estis malrapida kaj doloriga morto, ĉar la pendumilo ne estis bone fiksita. Ŝin postvivis du filoj, kiuj nuntempe havas idaron, kaj ankaŭ makabra porinfana angla kanto.



# Limdato: 2015

Limdato por kio? Resume, por signife plibonigi la mondon. Tion decidis la ŝtatestroj, kiuj kunvenis en septembro 2000. 9 jarojn post tio, kaj nur 6 jarojn antaŭ la limdato, eblas demandi sin: ĉu ni plenumis la Jarmilajn Evoluigajn Celojn?

Ok celoj eltiriĝis de la rezolucioj subskribitaj dum la Jarmila Kunveno. Ili ampleksas malriĉecon, malsaton, seksan egalecon, edukadon ktp, kaj intencas kunigi la fortojn de ne nur la riĉaj landoj, sed ankaŭ de la evoluantaj. Unuafoje, la internacia komunumo ŝajne akceptis la defion preni la respondecon pro la malbonfarto de la homaro kaj ĉiuj landoj engaĝiĝis por renversi la ĝisnunan tendencon.

1. Elradikigi ekstreman malriĉecon kaj malsaton
2. Atingi universalan elementan edukadon
3. Antaŭenigi seksan egalecon kaj doni povon al virinoj
4. Redukti la nombron de infanaj mortoj
5. Plibonigi patrinan sanon
6. Kontraŭbatali HIV/aidoson, malarion kaj aliajn malsanojn
7. Certigi median daŭripovon
8. Starigi tutmondan partnerecon por evoluado

**Kritikaj voĉoj**

Kvankam la Jarmila Deklaracio iel respegulas la premon de la alimondisma movado – kiu bataladas por socia justeco kaj ne nur ekonomia progreso – multaj alimondismanoj estas tre kritikaj pri la negocado de la 8 celoj, kaj ties aprobo kaj realigo. Laŭ ili, la celoj baziĝas sufiĉe multe sur la konsekvencoj ekz. de malriĉeco, anstataŭ sur ties kialoj. Alivorte, la celo ŝajnas esti mildigi la simptomojn kaj ne defunde ŝanĝi tion, kio ebligas tiun malriĉecon. Tiel la nomo de la celo atingis nur "elradikigi malriĉecon", sen pritaksi ĝiajn kaŭzojn. Ankaŭ la difino mem de malriĉulo reduktiĝis al "homo, kiu vivas per malpli ol 1 dolaro tage": jen absoluta koncepto. Ĉu la problemo ne pli rilatas al la distribuo ol al la kvanto de mono, je kiu homoj disponas por vivi?

**Kunlaboro**

Unu el la gravaj problemoj de la hodiaŭa internacia politiko sendube rilatas al la malforta rolo, kiun havas la malplej riĉaj landoj. Ĉu nordo kaj sudo, ĉu oriento kaj okcidento, la vero ŝajnas esti, ke la mondo dividiĝas en riĉajn kaj malriĉajn ŝtatojn, popolojn, homojn. Tradicie tiu, kiu havas pli, rajtas decidi pli. Ĉi-foje okazis, laŭ multaj, pli-malpli la samo. La rezulto estas, ke oni taskigis la malriĉulojn urĝe solvi la plej malfacilajn problemojn, sed en multaj sencoj mankas kunlaboro deflanke de la riĉaj landoj.

Kelkaj intencoj tamen videblas: en junio 2005 la financaj ministroj de la G-8 kunvenis en Londono kaj interkonsentis donaci al la Monda Banko, la Internacia Mon-Fonduso kaj la Afrika Evoluiga Banko sufiĉan monon por nuligi ŝuldon akiritan de la HIPC-landoj* je valoro de inter 40 kaj 55 miliardoj da dolaroj. La celo de tiu ago estis ebligi al tiuj landoj dediĉi tiun monon al sociaj programoj pri sano, edukado kaj malpliigo de la malriĉeco.

Ankaŭ la ne-registaraj organizoj havas tre gravan rolon en la atingo de la Jarmilaj Evoluigaj Celoj. Tion agnoskis eĉ la registaroj kaj ŝtatestroj. Tiel do multaj filantropoj, organizoj kaj eĉ entreprenoj eksentis sin parte respondecaj pri la plenumado de tiuj promesoj faritaj de kaj por la tuta mondo. Kunlaboro iĝis nepra parto de la plenumo de tiu celaro, kaj nun ĝi ne estas tasko nur de la registaroj. Ĝi parte ankaŭ helpas organizi la laboron de la ne-registaraj organizoj, ĉar multaj el ili nun prenas tiujn celojn kiel gvidilon por sia agado.

**Pritakso de la progresoj**

Ĉu efike aŭ ne, opinioj varias, sed la ŝtatoj ja daŭre kunvenas por pritaksi la ĝisnunan progreson de la promesoj. Ekzistas jam pluraj raportoj de Unuiĝintaj Nacioj analizantaj la sukcesojn kaj erarojn kaj rimarkigantaj pri tio, kio bezonas pli da atento.

Interesa indikilo por civitanoj estas MDGMonitor, rete alirebla ĉe www.mdgmonitor.org. Tie haveblas detalaj informoj pri la plejmulto de la landoj kaj statistikoj pri ĉio, kio rilatas al la Jarmilaj Evoluigaj Celoj.

Povas esti, ke la listo de la Jarmilaj Evoluigaj Celoj estas ne ĉiusence perfekta, sed oni devas agnoski, ke ili estas tre utilaj por kunordigi la fortojn kaj serioze kontraŭbatali la plej gravajn problemojn de la homaro. Nenio malhelpas al ni estonte elpensi novajn celojn, kiam ni jam estos plenumintaj tiujn nunajn. Kiu scias, eble eĉ en 2015.

* *Heavily Indebted Poor Countries:* Tre ŝuldiĝintaj malriĉaj landoj

# Demandi oni neniam rajtis, oni devis fari

verkis Nikolai Sexauer (Germanio), adaptis la redaktoro



Roterdamo post la bombardado de 1940 *Foto sub la permesilo "Creative Commons"*

Juna knabino, Els Schalker, staris apud sia patro sur digo en Schiedam, rigardante la jam faman bombardadon de la apuda urbo, Roterdamo. Estis la 14-a de majo de 1940 kaj la nazia armeo elĵetis sian tutan agresemon sur la nederlandan civitanaron. Post horoj da senĉesa falo de bomboj, la bruego finiĝis kaj infana Els ellasis suspireton. "Fine, ili ĉesis", ŝi diris al sia patro. Lia respondo estis signifo-plena: "Ne, kara mia, tio ne estas la fino: tio estas nur la komenco".

Tiuj estis malfacilaj jaroj. Senlaboreco trafis grandan parton de la nederlandanoj, ankaŭ la patron de Els, kaj la leĝoj estis ege striktaj. "Oni rajtis fari en Nederlando nenion, kio ne plaĉis al Hitler", ŝi memoras pri tiu tempo. Ŝi estis tiam 17-jara kaj malgraŭ ĉio decidis iĝi ano de la Rezistado. Ŝi rakontas pri tio: "Oni neniam precize sciis, kiu estas en la Rezistado, oni restis en malgrandaj grupoj. Oni sciis, ke estas anoj ĉie, sed oni ne sciis kie aŭ kiu ekzakte". Ŝia grupo konsistis el 5 homoj: 4 viroj kaj ŝi mem.

Jam kiam ŝi estis tre juna, ŝi vivis en tia familio, kiu akceptadis kontraŭleĝajn rifuĝintojn el Germanio en sia hejmo. La nederlanda registaro estis partnera al la reĝimo de Hitler, kaj pro tio tiu ago estis strikte malpermesita. Ili loĝis en Schiedam, apud Roterdamo, la naskiĝurbo de Els. La kialo, kiu puŝis la germanojn forfuĝi al alia lando estis plej ofte ilia politika agado. La sistemo de akcepto de rifuĝintoj estis kunordigata de internacia organizo de la komunisma partio, kie anis la patro de Els. Por ili do tia kunlaboro "estis memkomprenebla".

Ili loĝis en domo kun 4 infanoj. Kaj infanoj multe parolas. Tio estis, rakontas Els, danĝera. Tial la rifuĝintoj povis resti nur du aŭ tri tagojn, ĝis Els kaj ŝiaj gefratoj transportis ilin al granda domo, kie ilia avino loĝis sola. "Mia Dio, kiom ekscite estis irigi la rifuĝintojn tra la kontroloj. Ni ofte ŝajnigis esti paroj kaj trapasis brakume".

Unufoje estis malkovritaj la rifuĝintoj kaŝitaj ĉe ili. Por puno, ili ne ricevis senlaborulan asignaĵon dum 6 semajnoj,


Roterdamo post la bombardado de 1940 *Foto sub la permesilo "Creative Commons"*

kio signifis ne havi ion ajn por manĝi. La familio travivis danke al la helpo de amikoj kaj najbaroj, kiuj portadis manĝaĵon.

Danke al la rifuĝintoj Els ĉiam sciis sufiĉe multe pri la nazioj kaj la milito. Ankaŭ la okupacio de Nederlando fare de la germanoj ne tute estis surprizo. "Ni jam supozis, ke la milito venos ankaŭ al Nederlando".

Inter la sekretaj kaj brule danĝeraj taskoj, kiujn ŝi plenumis, estis presado de kontraŭleĝaj ĵurnaloj, transdonado de mesaĝoj kaj je la fino eĉ kontrabando de armiloj.

La kontraŭleĝaj ĵurnaloj estis tre gravaj, ĉar oni dependis ekskluzive de la germanaj elsendoj. Estis forte malpermesite kaj terure danĝere aŭskulti la novaĵojn de la aliancanoj. "Ni aŭskultis la anglan radio-stacion kaj verkis pri tio en la kontraŭleĝaj ĵurnaloj" rakontas Els, "kompreneble oni rajtis neniam persone tion doni al iu. Ni lasis ilin sekrete dise en fabrikoj kaj preĝejoj".

Se ekzemple oni konatiĝis kun estonta partnero, oni diskrete en dancejo metis rezistadan ĵurnalon en ties poŝon. Laŭ la reago de tiu homo, oni povis ekscii, ĉu eblas je tiu fidi aŭ ne. Diras Els: "Mi rakontis al mia avino, ke mi konatiĝis kun junulo, kiu plaĉas al mi. Ŝi diris, ke mi venigu lin, por ke ŝi povu lin prijuĝi".

Tiuj ĵurnaloj havis ankaŭ psikologian efikon. Se oni trovis iun ie, estis kiel eta senpeziĝo, oni ekpensis: "Ja estas homoj tiaj, kiuj volas batali por liberigo".

La ĵurnalojn presis Els kaj ŝiaj kolegoj per maŝino de ŝia patro. Ankaŭ posedi tian maŝinon estis danĝere: "Unu tagon mi ludis surstrate kaj mi vidis policanojn venantajn. Mi sciis, ke mia patro kontraŭleĝe presis. Mi do hastis hejmen por averti lin. Ni estis etendigintaj plejdojn sur la dormĉambran plankon kaj venis al ni nur la ideo kaŝi la maŝinon sub ilin. La policanoj efektive venis al ni. Ili esploris ĉie. Kiam ili vidis la plejdojn ili demandis, kio estas tie. "Mia filino iris kampadi", diris mia patro. Feliĉe la policanoj pluiris sen observi pli. Ni tamen sciis, ke ili revenos. Tial ni metis la maŝinon en la kuirejon de la najbaro; ŝi jam estis maljuna virino kaj rimarkis nenion. Kaj la policanoj revenis. Ili demandis, kio okazis al la tukoj. "Kiuj tukoj?" ni demandis kaŝeme".

Por povi pli bone organiziĝi en la Rezistado, Els eklaboris en Hema, nederlanda ĉen-vendejo por hejmaj varoj. Tio estis tre taŭga por ricevi kaj pludoni mesaĝojn, ĉar ĉiuj rajtis iri al kaj el Hema sen ŝajni suspektindaj. Tiel ŝi povis nerimarkate ekzemple meti papereton kun mesaĝo en ies aĉetsakon.

"Pro mia patro mi jam kiel infano alkutimiĝis al tio, ke oni devas atenti pri tio, kion oni diras, kaj ke oni parolu pri nenio. Ankaŭ kiam mi ricevis aŭ plenumis taskon, mi demandis nenion. Nek de kiu venas la komisio, nek kiu estas tiu, al kiu mi havigis la ĵurnalojn aŭ la armilojn. Mi


Lum-ludo en Roterdamo memore al la bombardado, 14-an de majo 2007 *Foto sub la permesilo "Creative Commons"*

sciis nenion".

Pri unu komisio Els aparte memoras. Estis la unua fojo en ŝia vivo, kiam ŝi vojaĝis per trajno – la malriĉaj laboristaj familioj, kiel tiu de Els, ne havis monon por vojaĝi trajne. Ŝi kaŝis armilojn sub la ena ŝtofo de vimena sako. "Estis tiel danĝere kaj mi terure timis". Por atingi la nordon de Nederlando ŝi devis plurfoje ŝanĝi trajnon. Pro la strečego ŝi eĉ perdis ŝuon survoje. Kiel oni antaŭanoncis al ŝi, alveninte en la stacidomon, ŝi vidis virinon kun kaptuko, kiu atendis apud biciklo. Ŝi diris al Els, ke ŝi sekvu ŝin. "Mi tranoktis ĉe tute nekonataj homoj. Tio estis tiel ekscita. En unu domo, vizitantoj ne rajtis ekscii, ke mi estas tie, kaj tial mi devis manĝi sola en aparta loko. Mi ankoraŭ memoras pri portreto sur la muro, kun viro kiu alrigardis min. Mi vere timegis.

Iun tagon venis la nazioj kaj arestis la 4 virojn de la grupo de Els. Ili portis la arestitojn al la plaĝo ĉe Scheveningen, en Hago, kaj tie ekzekutis ilin. "Mi ankoraŭ havas adiaŭan leteron de unu el ili al lia koramikino, kiu estis ankaŭ mia amikino". Legeblas: "Marde okazos la juĝo. Ne havu vanajn esperojn: kiam vi legos tiun ĉi leteron, mi ne plu estos". La nazioj poste montris la 4 kadavrojn publike surstrate. Por timigo, por ke ĉiuj sciu, kio okazas se oni aktivas en la Rezistado. "Iu denuncis nin. Ni scias kiu, li pensis, ke oni liberigos lin, sed fine ankaŭ lin oni mortigis. Li ne aldonis mian nomon. Kiel ajn, la nazioj ofte pensis, ke virinoj ne aktivas en la Rezistado, sed nur viroj".

Tiel do pluvivis nur Els el ĉiuj anoj de la grupo. "Mi estis tiom furioza, ke mi devis daŭrigi", klarigas Els. "Estas en tiaj kazoj du eblecoj: aŭ fini per tragedio aŭ eĉ pli plulabori".

Kaj tiu ne estis ŝia nura perdo. Ŝian patron la nazioj arestis dum lia laboro, tiel ke la familio ne tuj ekscius pri tio. "En iu momento venis anonima letero, ke ni devas iri al Den Bosch, al difinita strato en difinita horo. Ni sciis absolute nenion pri tio, kio atendos nin tie. Tien venis du virinoj, kiuj demandis: "Ĉu vi estas S-ino van Kastanje?" Ili kondukis nin al perdita tereno en la kamparo kaj tie, malantaŭ arbo, estis mia patro".

La patro de Els estis veturigita al Kamp Vught, koncentrejo apud la nederlanda urbo Den Bosch. La arestitoj tie devis labori en la kamparo. Kelkaj loĝantoj de la vilaĝo helpis al iliaj familianoj havi la eblon paroli kun ili, kio estis kompreneble strikte malpermesita.

Tiu estis la lasta fojo, kiam ŝi vidis sian patron.

"Ni ankoraŭ ricevis leteron de li el Dachau." Dachau estis koncentrejo norde de Munĥeno, Germanio. "Ĝi estis en la germana lingvo, kaj kompreneble nur pozitiva, sed ni sciis, ke ĝi ne estas vera".

Ĉiuj tiuj teruraĵoj montriĝis nesufiĉaj. Ŝia fianĉo serioze malsaniĝis kaj la milito neniel helpis por la resaniĝo. Li mortis nur 3 monatojn post la liberigo de Nederlando. "Estas kompreneble, ke mi ne povis ĝoji".

Pri ĉio ĉi Els parolas kun trankvila kaj ekvilibra tono. Foje ŝia rigardo perdiĝas malproksimen. "Jes, mia vivo ne estis teda", ŝi aldonas ridete.

Jam de multaj jaroj Els Schalker vizitadas la koncentrejon, kie mortis ŝia patro. Ŝi faras tion kadre de sia agado kunlabore kun lernejoj, al kies anoj ŝi parolas pri naci-socialismo kaj pri la dua mondmilito en Nederlando. Ŝi asertas: "Mi ankoraŭ zorgas pri la cirkonstancoj, en kiuj mortis mia patro en Dachau. Kiuj estis liaj lastaj pensoj? Kiam mia patrino mortis, mi povis akompani ŝin. Ŝi diris al mi mortonte, ke ŝi neniam paciĝis kun la morto de mia patro. Miaj gepatroj volis transloĝiĝi el Roterdamo al Amsterdamo post la milito, sed nun tio ne plu povis realiĝi", diras Els klare kaj trankvilvoĉe, "lin mi ne povis akompani, kiam li mortis. Tial mi havas tiun altiron al Dachau". Kaj ŝi aldonas: "Mi ne komprenas, kiel homoj povas ne havi opinion kaj forturni la rigardon".

Por plenumi tiun postrezistadan laboron, ŝi eĉ je sia aĝo ekvolis lerni la germanan. "En Dachau mi havis tre bonajn interparoladojn", diras Els. Demandite pri la sento paroli pri tio kun germanoj, ŝi respondas: "Oni ne povas mezuri ĉiujn eksterlandanojn laŭ la sama mezuro. Mia patro ĉiam diris 'Vi devas malami ne la germanojn sed la naziojn'. Ankaŭ mi ne kulpas pri tio, kion la nederlandanoj faris en Indonezio. Ĉi-kaze oni povas nur aliĝi al la Rezistado kontraŭ io tia. Kaj mi denove farus".


*Els Schalker 20-jaraĝa*

ARTIKOLO

# 365 tagoj da rubo

2 kilogramojn tage, 13 semajne, 726 jare. Tiom da rubo produktas averaĝa usonano. Tiel estas se konsideri nur ordinarajn hejmojn kaj ties anojn, sen kalkuli la industriajn aŭ komercajn elĵetaĵojn.

Tiusence Dave Chameides estas ja ne averaĝa: lia rubo-elĵetado en 2008 reduktiĝis al nulo. Konvinkinte siajn edzinon kaj filinojn, li komencis la pasintan jaron konservante en sia hejma kelo ĉiujn rubaĵojn, kiuj rezultis el lia ĉiutaga vivo. Li eĉ ne unu papereton metis en rubujon. Li estas ĝisosta ekologiisto kaj en iu momento li ekkonsciis pri la konsekvencoj de la nuntempa vivstilo, ĉefe rilate al la evoluintaj landoj, kies civitanoj havas altajn enspezojn, sekve ankaŭ elspezojn, kaj el iliaj konsumoj estiĝas kompreneble restaĵoj.

Li klarigas en sia blogo: "La ideo por tiu ĉi projekto ekestis antaŭ ĉirkaŭ ses monatoj, kiam mi forĵetis ion. Mi konstatis, ke mi faras nenion pli ol tion. [...] Mi simple igis ĝin malaperi, forigis ĝin de antaŭ miaj okuloj [...] mi ekkonsciis, ke se ni ĉiuj estus respondecaj pri nia rubo, se ni ne povus simple malaperigi ĝin, ni devus zorgi pri sufiĉe malbelaj veroj pri nia vivmaniero".

Li regule publikigis blogerojn kun fotoj kaj eĉ videoj ĉe http://365daysoftrash.blogspot.com. En ĝi li komence verkis kelkajn bazajn regulojn pri sia projekto: kiel li ĉion konservu, kiel li agu pri preparado de manĝaĵoj, kion li faru pri recikligeblaj postrestaĵoj. Li tamen sciis, ke li ne ĉion povas antaŭvidi, do li survoje elpensis manierojn alfronti la problemojn. Li ekzemple uzis vermkompoŝtadon por la plejmulto de siaj organikaj postrestaĵoj. Tiel li sukcesis daŭre havi bonodoran kelon, ĉar tiaj rubaĵoj estas tiuj, kiuj povas ĝeni. Kaj la rezulto estas ankaŭ tre bona: unu el la plej ŝatataj naturaj sterkoj, verma humo.

Recikligado estis nepra parto de la projekto. Li disigis paperon de kartono, ankaŭ plej diversspecajn ujojn, kaj la plastaj sakoj, kiuj estis por li vera plago, havis propran lokon. Inter tiuj kategorioj estis ankaŭ unu por simpla rubaĵo, postrestaĵoj, pri kiuj li nenion povis fari: nek recikligi, nek reutiligi, nek doni al la vermoj.

Ankaŭ dum siaj ferioj li kolektis ĉion, kio rezultis el lia konsumado, kaj li ĉion reportis hejmen en la aŭto. Pri tio li

rakontas: “La sinjorino ĉe la doganejo demandis, kio estas tio. ‘Rubaĵo’, mi respondis. Ŝi ridis, refermis la sakon kaj lasis min pluiri”.

Li dum la tuta jaro strikte raportis pri ĉio, kio iris en lian kelon, kaj post la fino de la jaro li adiciis ĉion: 13 kilogramoj da rubaĵoj, 1,8 kilogramoj da plastaj sakoj, 5,5 kilogramoj da ekologia rubo, 31,5 kilogramoj da recikligebla papero, 8,6 kilogramoj da recikligebla kartono, 13 kilogramoj da diversspecaj recikligeblaĵoj, 257 boteloj kaj potoj, 12,7 kilogramoj da revuoj, 8 farbskatoloj kaj 9 pico-skatoloj.


*foto de Akshay Mahajan*

FACILA FABLO

# La avarulo kaj la oro

## Fablo de Ezopo




**Avarulo** vendis ĉion, kion li havis, kaj aĉetis pecon da oro, kiun li en-ter-igis apud malnova muro kaj li iris tien por rigardi ĝin ĉiutage. Alia homo, kiu loĝis proksime, rigardadis liajn oftajn vizitojn kaj baldaŭ malkovris la sekreton. Li tiam mem elfosis la oron kaj ŝtelis ĝin.

Kiam la avarulo vidis la malplenan truon, li komencis bedaŭregi kaj kompati sin tirante siajn harojn. Alia viro, eksciinte pri la kialoj de lia bedaŭro, trankviligis lin jene: — Ne plendu tiel. Iru kaj prenu ŝtonon kaj metu ĝin en la truon. Imagu tiam ke ĝi estas oro, kaj por vi estos tute same, ĉar kiam la oro ankoraŭ estis tie, vi neniel uzis ĝin.

“Juĝu aferojn laŭ ilia utilo, ne laŭ ilia aspekto”

### VORTARETO

**Avarulo** Homo, kiu ne ŝatas uzi monon, sed preferas konservi ĝin.

# Okazis en 1959...

**La 1-an de januaro** venkis en Kubo la revolucio, kiu renversis la diktaturon de Fulgencio Batista. Li fuĝis al Domingo, poste al Portugalio kaj fine al Hispanio. La revolucio baziĝis sur denuncoj faritaj de Fidel Castro ĉe la Kortumo de Urĝaĵoj pro malobservo de la konstitucio. La kortumo rifuzis la denuncon, sekve Castro konvinkiĝis, ke armita batalo estas la nura eblo en tia situacio.

La unua ministraro post la venko de la revolucio estis miksita kaj modera, sed baldaŭ el la malkonsentoj inter Castro kaj la tiama prezidanto Urrutia rezultis la nomumo de Osvaldo Dorticós kiel prezidanto, kun Fidel Castro kiel ĉefministro, la 16-an de februaro. Sub tiu ĉi registaro, la politiko iĝis pli radikala. La kerno de la komunisma revolucio estis la agrara reformo, kiu estis promulgita la 17-an de majo. La unua eksproprietigo estis tiu de la familio de Castro, kaj ĝin sekvis pli ol 420 hektaroj da tereno. Inter tiuj estis posedaĵoj de usonaj entreprenistoj, kio kaŭzis la komencon de la streĉiteco inter la du landoj.

**Krome okazis en 1959...**

- Kreiĝis la Interamerika Banko por Evoluigo.
- Usono surorbitigis la unuan sateliton ĉirkaŭ la sunon.
- La nordvjetnama armeo eniris Laoson
- Buddy Holly, Ritchie Valens kaj The Big Bopper mortis kiam kraŝis la aviadilo, en kiu ili veturis.



Ene de la sidejo de Interamerika Banko por Evoluigo
*foto de John Connell*



Pupetoj de Fidel Castro kaj Che Guevara *foto kaj arto farita de Andrew Becraft*

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | 9 | | | | 2 | |
| 3 | | | | 5 | 8 | 6 | | |
| | | | | 6 | 4 | 1 | | 7 |
| 1 | 2 | 5 | | | | | | |
| | | 7 | | | | 2 | | |
| | | | | | | 3 | 6 | 5 |
| 7 | | 8 | 5 | 9 | | | | |
| | | 9 | 4 | 2 | | | | 1 |
| | 4 | | | | 1 | | | |

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 8 | | 5 | | | | 9 | | |
| | | | | 7 | | | 1 | 5 |
| | 6 | | | 2 | | 4 | | |
| | | 1 | 2 | | 3 | | 7 | |
| | | | | | | | | |
| | 2 | | 7 | | 9 | 1 | | |
| | | 6 | | 5 | | | 8 | |
| 4 | 5 | | | 8 | | | | |
| | | 7 | | | | 5 | | 1 |

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 9 | 4 | | 1 | | 2 | | 5 | 8 |
| 6 | | | | 5 | | | | 4 |
| | | 2 | 4 | | 3 | 1 | | |
| | 2 | | | | | | 6 | |
| 5 | | 8 | | 2 | | 4 | | 1 |
| | 6 | | | | | | 8 | |
| | | 1 | 6 | | 8 | 7 | | |
| 7 | | | | 4 | | | | 3 |
| 4 | 3 | | 5 | | 9 | | 1 | 2 |

| ✻ | LA UNUA KAŜITA PROVERBO | SIMBOLO DE AMPERO | PLENA VORTARO | ✻ | FARAS ION LA | MAL-JUNUL', AĜUL' | LA DUA KAŜITA PROVERBO |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| SUPRA KORPO PARTO | | | | MALMULTE / FEMALO | | | |
| ADVERBA FINAĴO | | FREŜA, RAPIDEGA / NEGIS | | | | | |
| AVIADILA SIMBOLO DE NORVEGIO | | | METALA MONTRILO / PURA, DE-FINITIVA | | | | |
| REZINO-RIĈA LIGNO | | | | PREPO-ZICIO / NATURA BASENO | | | |
| TIA-MANIERE | | | | | NOMO DE LA 16-A LITERO / MARGUSTA | | |
| EKZISTAS | | | | | | AKUZATIVA FINAĴO / TREMI PRO DANĜERO | |
| ROMANE 1000 | | VIRINA NOMO / MEZURUNU' *(brulligno)* | | | | | |
| POST-SKRIBO | | | OLEORIĈA FRUKTO / KORTA BIRD' | | | | |
| SUFIKSO DE PASIVA PREZENCA PARTICIPO | | | | KOR-INKLINI / KOVRAS PER ORO | | | |
| LIGILO EL KUNIGITAJ RINGOJ | | | | | SIMB. DE IRIDIO / MAL-JUNAS | | |
| MAL-KOREKTA | | | | | | INFINITIVA FINAĴO / ŜUISTA KUDRILEG' | |
| SIMBOLO DE SULFURO | | MAL-STULTAN / SKOTA VIRA JUPO | | | | | |
| NUMERALO | | | NATRIA KLORIDO / POSEDATA DE TIU | | | | |
| METALA KUNIGILO | | | | KON-JUNKCIO / VICMONTRA NUMERALO | | | |
| ELEKTITARO | | | | | VI KAJ MI / MONTO KUN PAŜTEJOJ | | |
| ĈIELE MALPEZA | | | | | | ADJEKTIVA FINAĴO / LA GASOJ ĈIRKAŬ NI | |
| SIMBOLO DE SIMENSO | | GRUP' DA LITEROJ / FARITA DE HOMO | | | | | |
| SIMBOLO DE TANTALO | | | VICIĜ' POR KONTROLO / AMUZ-KUNVENO | | | | |
| GRANDA LIGNECA PLANTO | | | | VALORA METALO / VULKANA ELFLUAĴO | | | |
| LOĜEJO POR BRUTOJ | | | | | SUFIKSO (FRANCIO) / SENAKVA, MALHUMIDA | | |
| RAPIDE MOVIĜAS MALSUPREN | | | | | | AŬTOSIMB. DE SVEDIO / KUBANA DANC' | |
| SUBS-TANTIVA FINAĴO | | DEDIĈU, DONACU / AFABLA DEZIRADO | | | | | |
| PRENU (SUR RECEPTO) | | | INTERESO, PROFESIO / VIRA FESTO | | | | |
| GERMANA E-JUNUL-ARO | | | | KUN KOR-INKLINO / JUNULARA SEKCIO | | | |
| TUTE MAL-GRANDAJ | | | | | ONOMATO-PEO *(tremo)* / SUFIKSO (TUMORO) | | |
| GERMANO APUD ELBO | | | | | | LA SESA TONO / ROMANE UNU | |
| LIRIKA POEMO | | | | PREFIKSO (MALĜUSTA FARO) | | | |

*Krucvorto de Stano Marček, el 107 "Krucenigmoj en Esperanto", Martin: La aŭtoro, 2008.*

# Subtenu la agadon de TEJO!

Ekzistas multe da ebloj helpi TEJOn en ĝia agado. La plej gravaj estas membriĝi aŭ patroniĝi. Sed vi povas helpi ankaŭ al konkretaj agaderoj de TEJO.

Mondonacojn al ĝenerala agado de TEJO bv. pagi la UEA-konto "tejtej" (indiku la celon de la donaco, ekz: "donaco por KER" aŭ "donaco por landa agado"). Ankaŭ eblas fari donacon por specifaj celoj:

- Fonduso "Partoprenu IJKon" – per ĝi TEJO subvencias la partoprenon de TEJO-aktivuloj en IJK;
- Pasporta Servo – eble la plej fama eldonaĵo de TEJO.

Por pliaj detaloj pri pagmanieroj, bv. rigardi ĉe <www.uea.org/alighoj/pag_manieroj.html> aŭ demandi ĉe la Centra Oficejo.

TEJO dankegas vin pro via subteno!

## JUNA AMIKO – Internacia E-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj

- aĝas 30 jarojn kaj aperas 3-foje (aprilo, septembro, decembro) sur po 52 plurkoloraj paĝoj kun plenkoloraj kovriloj;
- havas kunlaborantojn el ĉiuj kvin kontinentoj;
- rabato ĝis 50%!

Karakterizas ĝin:
*Modela stilo kaj facila lingvaĵo* (1500 vortradikoj sen glosoj), *enhavo tre varia:* rakontoj, fabeloj, raportoj, informoj, interesaĵoj, enigmoj, kvizoj, versaĵoj, ludoj, kantoj, humuro, lingvaj konsiloj, interkulturo, kuriozaĵoj, voĉo de legantoj k.a. kun multaj ilustraĵoj.

JUNA AMIKO estas fonto de taŭgaj legaĵoj por komencantoj, fidinda helpilo por E-kursgvidantoj.

Vizitu nian TTT-ejon: <www.junaamiko.inf.hu> aŭ en <www.lernu.net>!

## ĈU VI SERĈAS KORESPONDAMIKON?

Sendu al Koresponda Servo Mondskala jenajn detalojn: nomo, adreso, sekso, aĝo, profesio, geedza stato, kiom da korespondantoj vi deziras, en kiuj landoj kaj pri kiuj temoj. Kunsendu 2 internaciajn respondkuponojn, aŭ, se ili ne estas aĉeteblaj en via lando, ne uzitan poŝtmarkon. KSM pludonos viajn informojn al alia(j) korespondemulo(j), kiu(j) konformas al viaj deziroj. Vi ricevos rektan respondon. KSM estas servo de UEA.
Skribu: **Koresponda Servo Mondskala, B. P. 6, FR-55000, Longeville-en-Barrois, Francio**

## KOTIZTABELO DE UEA POR 2009

**MG** Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado
**MJ(-T)** Membro kun Jarlibro (kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, membro de TEJO kun la revuo Kontakto sen plia abonpago)
**MA(-T)** Membro-Abonanto: kiel MJ(-T) plus la revuo Esperanto
**MA** ricevas la Jarlibron, la revuon Esperanto, kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, la revuon Kontakto
**SA** Simpla abono al la revuo Esperanto, sen membreco en UEA
Kto Abono al la revuo Kontakto, sen membreco en UEA/TEJO
**SZ** Kotizo por Societo Zamenhof: mecenata kategorio (aldoniĝas al alia kotizo; ne inkluzivas membrecon en UEA)

| Lando/valuto | MG | MJ(-T) | MA(-T) | SA | Kto | SZ |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio/dolaro | 16 | 40 | 100 | 60 | s6 | 200 |
| Aŭstrio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Belgio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Brazilo/eŭro | 5 | 12 | 30 | 18 | 11 | 60 |
| Britio/pundo | 7 | 18 | 45 | 29 | 18 | 90 |
| Ĉehio/krono | 170 | 420 | 1050 | 670 | 425 | 2100 |
| Danio/krono | 70 | 175 | 440 | 280 | 180 | 880 |
| Estonio/krono | 100 | 240 | 600 | 380 | 245 | 1200 |
| Finnlando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Francio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Germanio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Greklando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Hispanio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Hungario/forinto | 1600 | 4000 | 10000 | 6400 | 4000 | 20000 |
| Irlando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Islando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Israelo/eŭro | 7 | 18 | 45 | 27 | 16 | 90 |
| Italio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Japanio/eno | 1500 | 3700 | 9200 | 5500 | 3300 | 18400 |
| Kanado/dolaro | 14 | 34 | 86 | 52 | 31 | 172 |
| Latvio/lato | 4 | 11 | 27 | 17 | 11 | 54 |
| Litovio/lido | 20 | 50 | 130 | 80 | 50 | 260 |
| Nederlando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Norvegio/krono | 75 | 190 | 470 | 280 | 170 | 940 |
| Nov-Zelando/dolaro | 20 | 50 | 125 | 75 | 45 | 250 |
| Pollando/zloto | 20 | 50 | 130 | 80 | 50 | 260 |
| Portugalio/eŭro | 8 | 20 | 50 | 32 | 20 | 100 |
| Rusio/eŭro | 5 | 12 | 30 | 18 | 11 | 60 |
| Slovakio/eŭro | 7 | 17 | 42 | 27 | 17 | 84 |
| Slovenio/eŭro | 7 | 18 | 45 | 29 | 18 | 90 |
| Svedio/krono | 90 | 220 | 550 | 350 | 220 | 1100 |
| Svislando/franko | 15 | 38 | 95 | 57 | 34 | 190 |
| Usono/dolaro | 13 | 32 | 79 | 47 | 28 | 158 |
| TARIFO A/eŭro | 6 | 16 | 40 | 24 | 14 | 80 |
| TARIFO B/eŭro | 6 | 16 | 40 | 24 | 14 | 80 |

**ALIAJ LANDOJ** Luksemburgio laŭ Belgio; Kipro kaj Malto laŭ Slovenio.
**TARIFO A** Honkongo, Korea Resp., Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano.
**TARIFO B** Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

# Du sam-seks-emaj pingvenoj zorgas pri pingven-ido

facila

Tradicia **pingvena** paro ekhavis ovon en la besto-ĝardeno de la germana urbo Bremerhaven, sed baldaŭ post tio ili forlasis ĝin. Tiam paro de du vir-seksaj pingvenoj komencis **kovi** la ovon kiel propran.

La novaj patroj nomiĝas Z kaj Vielpunkt (prononcu [vilpunkt]; multpunkta) kaj laŭ la estroj de la besto-ĝardeno ili agas tute same kiel ordinara paro. Ili laŭ-vice donas manĝon al la malgranda pingveno kaj purigas kaj varmigas ĝin ĝis ĝi estos plen-kreska. Ĝi jam aĝas pli ol unu monaton.

La fakuloj de Bremerhaven klarigas, ke sam-seks-eco estas normala inter pingvenoj kaj ke ili kutime havas nur unu kunulon por la tuta vivo.

## VORTARETO

**Pingveno** - mara birdo kun tre malgrandaj flugiloj, kiujn ĝi uzas kiel naĝilojn, kaj kiu vivas en la suda parto de la mondo.

**Kovi** *(pri birdoj)* - Varmigi ovon ĝis la el-ov-iĝo.



*foto farita de Jack Lyons*